# KATOLIKA MONDO

Universala Organo por tutmondaj interesoj katolikaj

Oficiala internacia organo de „Internacio Katolika" (Ika), de „Mondjunularo Katolika" (Moka).




de „Internacia Katolika Esperanto Oficejo" (IKEO) kaj de „Blanka Kruco" (Internacia misio katolika)

Nummero 5/6, 1924 | Zug, Svisio Majo/Junio | IV. Kolekto N° 3/4


## Gravega letero de la episkopoj de Slovakio.

**Tre estimata Sinjoro,**

**La katolikaj episkopoj de Slovakio, je la 29a de Aprilo kunvenintaj en Zilina, ricevis sciigon pri la Kongreso Internacia, aranĝota je la 15—20a de Augusto de tiu ĉi jaro en Venizo, kun la aprobo de la kompetenta episkopo, Lia Eminenca Moŝto, la Kardinalo-Patriarko de Venizo. Kiel celo de tiu ĉi kongreso estas precipe nomata la antaŭenpuŝo de la paco vere kristana inter la diversaj nacioj laŭ la sentenco de la Enciklikо „Ubi arcano Dei" kaj aliaj manifestadoj de la Sankta Patro, plue la internacia interrilatiĝo de diversaj internaciaj asocioj kaj organizoj.**

**Plene komprenante la grandegan gravecon de tiu ĉi celo ni sendas al la kongreso kaj same al la Internacia Katolika Ligo ĝin preparanta nian saluton kaj benon.**

**Samtempe ni admonas la katolikajn unuiĝojn kaj la virojn, antaŭenpuŝantaj la katolikan agadon de Slovakio, ke ili al ĉi tiu kongreso en inda nombro partoprenu. Kaj ĉiujn kreduloјn ni petas, ke ili preĝegu por la frukta laboro de ĉi tiu kongreso kaj laŭeble donu financan subtenon.**

**El la sekvonta diecesa kolektado tamen por la gazetaro katolika ni destinas 5 percentojn por la elspezoj de la presaĵoj de la kongreso kaj de Ika**

**Kun saluto en Kristo**

**nome de la Slovakaj episkopoj**

**(Sig)**

**m. p. Dr. FISCHER-COLBRIE**
**episkopo de Kosice**

**Al estimata Sinjoro Kasparo Mayr,**
**Cefsekretario de Ika,**
**Zug, Svisio**

# Katolika konscienco tutmonda.

Kio ĝi estas? Ĉu ĝi estas morta? Ĉu ĝi reviviĝos?

Gravaj demandoj, tamen nepre respondotaj.

Kio ĝi estas? Ne malfacile direbla: La viva scio kaj severa konscienco, ke ĉiu ano de la sankta Eklezio estas responda en sia animo por la tutmonda katolika familio, etendiĝanta tra ĉiuj gentoj kaj popoloj, responda por ĝia forto kaj floro, ĝia disvastiĝo kaj triumfo en ĉiuj homaj rilatoj kaj tra ĉiuj mondaj teritorioj.

Ho, se ekzistus vere vigla, fortegà, energia konscienco universala en ĉiuj katolikoj, kiom giganta forto estus nia eklezio! Ĉar la tuta familio ekleviĝus kiel unu viro, kiam la sanktaj rajtoj de la Krista religio estas atakataj! La tuta katolika mondfamilio unuiĝus por triomfe realigi en la nuna naciaro la sanktigajn amordonojn de la savinto Jesu-Kristo!

Ĉu ĝi ekzistas! Dank' al Dio! Ĝi vivas kaj efikas en multaj sanktemaj animoj! Sed bedaŭrinde ne en ĉiuj! Eĉ ne en la plimulto! Kontraŭe! En vastegaj rondoj katolikaj ĝi nur vivas teorie!

En la religia instruado ili mekanike aŭdas kaj lernas la sanktajn artikolojn pri la universala frateco de ĉiuj infanoj de Kristo, guvernata videble per la papo kaj la hierarkio. Sed tio ne enpenetras ĝis la profunda konscienco, ne viviĝas en la praktika agado! Kontraŭe, tro ofte ili adore riverencas antaŭ la moderna diaĉo de ŝovinismo aŭ restas tute indiferentaj pri la sorto de la universala eklezio, disrompante tiel la spiritajn katenojn, kiuj amforte devus kuneforĝi ĉiujn disciplojn de la Sankta Savinto! . . .

Ĉu ĝi devas ekzisti? Jes nepre! Por la triumfo de Kristo! Ĉar ĉiuj anoj de la eklezio estas unu sankta mistera korpo, animata de Kristo. Kaj tra la tuta korpo devas vive flui la sankta universala — ĉionampleksa spirito de Jesu-Kristo! Ĝis la plej lasta branĉeto devas trapenetri la konscienca scio:

Mi estas ano de familio tutmonda de Kristo! Do responda antaŭ Dio, severa juĝonto, pri la sorto de mia mistera patrino, eklezio. Ofendo aŭ atako kontraŭ ĝi, estas ofendo aŭ atako kontraŭ mi — — kontraŭ Kristo, kontraŭ Dio!

Mi estas responda por la triumfo de la Dia Regno, por ĝia realigo perfekta en ĉiuj homaj rilatoj, ne nur en mia privata vivo, sed en la publikaj, ŝtataj, interŝtataj aferoj! Ne nur teorie, sed vere en la praktika realeco!

Mi nepre devas konvinkiĝi, ke mi nur tiom estas katoliko, kiom en mi vigliĝas la universala konscienco de Kristo, kiom mi ĝin praktike efektigas en mia tuta vivo! . . .

Kiel ĝin reviĝi? Unue tio estos efiko de la Dia graco kaj miserikordo! Do ni preĝu!

Due ni devas labori! Kaj sendube nia internacia movado estas tre taŭga ilo al tiu nobla celo! Aŭdu ni la belegajn vortojn, kiujn pri tio diris la famkonata grafo Alberto Apponyi, maljunulo kun juneca fajro kaj eminenta sperto, okaze de granda Viena festparolado „La katolikismo kaj internaciismo".

„Ni nepre devas krei internacian publikan opinion katolikan, kiu vigligas la tutan forton moralan de milionoj da katolikoj kontraŭ ĉiu lezado de katolikaj principoj...

## Romano per senfadena telefono

de Jean Vezére, tradukita de Max Roub.

(daŭrigota)

— Ne, sed li povas esti la patro de Pat, kaj mia filo trovis kvazaŭ patron ameman kaj sindonan en tiu noblekora franco. Memoru ĉion, kion li faris por via frato, dum la milito kaj post la armistico. Ni ŝuldas al li senfinan dankon. Flory, kara sencerbulino, pripensu nur nian dankŝuldon, kaj plennum kiel eble plej la gastigajn devojn. Alvokita al Ameriko pro siaj aferoj, Sro de Chevriéreo honore pensis al ni, kaj sur mem invitis loĝi du tagojn en la „Tri Abioj" . . .

Do komfortigu al li la restadon en la „Tri Aboj"! konkludis la saĝa Klary, fervore rapidante por plenperfektigi la mango tablon.

— Viaj plijunaj fratoj finis siajn lerntaskojn. Mi aŭdas ilin ludi en la halo, parolis Mrs. Kengal. Via patro venas el la stalo kun la servistoj. Mi rapidas al miaj fornoj. Sro de Chevriéres baldaŭ ĉeestos ĉi tie! . . .

Per tri eksaltoj, la petolema Flory supreniris la ŝtuparon, kiu kondukis al la verda ĉambro.

— Quick! Quick! . . . Make haste, girl! ŝerceme admonis ŝi. Rapide, rapide! . . . rapidiĝu, mallaborema filino. Vi perdis tempon kaj la glitveturilo ne devas plu esti malproksime.

* * *

En plena nokto, sub sennuaĝa ĉielo, kie ekbrilis la unuaj steloj, kie supreniris maldika lunfulĉileto, rapidis la glitveturilo tra la senmezura blanka ebenaĵo.

La plej proksima fervojstacio kuŝis ok mejlojn de la „Tri Abioj". Post la koregaj amikaĵoj de la revido, Patrick Kengal tute absorbata per la gvidado de la glitveturilo, restis senparola apud sia franca amiko.

Ĉi tiu, duone kaŝata sub amaso de dikaj peltoj, admire rigardadis la vastajn neĝajn kampojn kaj la frostajn Michigan-bordojn, kie la dolĉa lunlumo, multigante la arĝentajn rebrilojn kaj lazurajn ombrojn, ŝajnis krei por la plezuro de l' vojaĝantoj virgan ĝardenon, mirbelan parkon, revan pejzaĝon.

Hubert de Chevriéres, apenaŭ elirinta el New York kaj Chicago, ankoraŭ duonkonfuzita per la agitado de tiuj tumultaj kaj eksterordinare grandaj urboj, plezure ĝuis la malmildan izolecon de la nordteroj, malviglaj sub senmakula ermeno de ilia vintrorobo.

De tempo al tempo, izolata farmo, brile elektrelumigata vilaĝo subite montriĝis je la vojokurbiĝoj. Poste estis denove nuda ebenaĵo, kaj tie malproksime, malantaŭ la dormarbetaĵoj de ĝiaj bordoj, la frostaj ampleksoj de la Michigan-lago.

— Ni alproksimiĝas! unuvorte anoncis Patrick.

La glitveturilo ĵus preterpasis malgrandan urbeton kaj je malpli unu mejlo antaŭ li, stariĝis, distance de 200 jardoj de l' lago, ligna domo ĉirkaŭita per multnombraj farmaj konstruaĵoj.

Supre de la neĝaj tegmentoj, tri maljunaj abioj multalte levis en la sennuaĝon ĉielon siajn fortajn branĉarojn kvazaŭ tri grandegaj kristnaskaj arboj starigitaj apud la farmo, kiel simbolo de la mistera ĝojafesto.

— Kian akcepton preparas al mi ĉi tiuj amerikanaj farmistoj? pripensis la vojaĝanto.

Ha! kiel bona, kiel dolĉa kaj amika Welcome! La Kengals, antikva irlanda familio, transhejmigita en Amerikon nur depost unu jarcentkvarono, tuj pruvis al sia fremda gasto, ke la celta sango, varma kaj vigla, fluis en siaj vejnoj.

Hubert de Chevrières sentis, ke sur la lipoj de la severa farmisto kaj de lia afabla edzino la Make gourself at home! . . . (vi estas hejme!) ne estis vana formulo de ĝentileco.

# Nova adreso

**por Internacio Katolika (Ika)**
**por Katolika Mondo (K. M.)**
**por Kongreso**
**por Ika-Eldonejo (IKE)**
nur

## Zug, Svislando

**Ĉiuj demandoj, mendoj, enpagoj por Ika, Katolika Mondo kaj IKE esta nur sendataj al Ika, Zug, kie de nun troviĝas la administracio kaj redakcio.**

likaj interesoj gravaj. Certe ankaŭ sur ĉi tiu kampo, ampleksanta nur religiajn interesojn, la nuna disunuiĝo kaj la profunda disiĝo, kaŭzata per la milito, kreas la plej grandajn malfacilaĵojn. Tamen oni nepre devas iel kaj iam ekkomenci la taskon. Precipe mi volas mencii en tiu okazo la iniciaton, kiu jam antaŭ tri jaroj estas ekprenata sub eklezia enkuraĝigo per ne malsignifa aro de katolikaj viroj el plej diversaj landoj kun la celo krei internacion katolikan, kaj kiu jam tri internaciajn kongresojn aranĝis, tamen sen gajni ĝis nun pli grandan influon je la publika opinio de la koncernaj landoj. Oni devas pripensi, ĉu ĉi tiu iniciato, kies malfacilaĵoj nuntempe estas same grandaj kiel la kristana kuraĝo de la iniciantoj, estas taŭga por fariĝi kristaliga centro de la katolika opinio tutmonda."

Do daŭrigu, amikoj, la noblan agadon, kun forto kaj kuraĝo! Kun oferemo kaj amo! Kun humileco kaj infana preĝo! Dio estos kun ni! K. Mayr.

## Enkuraĝiga letero de L. Em. M. Kardinalo Maffi.

La kanceliero de L. E. M. Kard. Maffi bonvole sendis jenan leteron al la ĉefsekretariejo de Ika.

Lia Eminenco, la Kardinalo-Arĥepiskopo Pietro Maffi donas al mi ordonon, esprimi al vi sian bedaŭron, ke Li ne povas ĉeesti la 4an Kongreson Internacian de Venizo. Gravaj devoj kaj la pastrecaj okupadoj malhelpas Lian Eminencon forlasi la diecezon. Tamen Li el koro benas la laborojn de la kongreso kaj ĉi tiujn, kiuj ĝin direktas kaj partoprenos, elpreĝante al ĉiuj la plej vo valorajn konsolĝojojn kaj la pacon de Kristo en la regno de Kristo...

N. Stefanini, Kanc.

# Katolika Politiko en Eŭropo.

La vorto „politiko" estas malŝatata en vastaj rondoj katolikaj. Prave, se oni uzas la vorton en moderna konceptado: politiko sen moralo, sen Dio, difektita per mensogo, trompo, perforto...

Tamen estus plej danĝera iluzio, se ni katolikoj pro tio volus malatenti la politikan agadon kaj lasi ĉi tiun vastan kampon al alietendencaj personoj kaj grupoj! Per tio ni fakte fordonus eminentan okazon por realigi la katolikajn principojn. Kaj ni nepre ne devus miri, se unutage la tuta mondo estus regata per nekatolikoj.

En la politiko, interne kaj estere, oni formas la sorton de la popoloj, tie oni decidas pri religio, instruo, tie pri perforta kaj pacema politiko, tie pri sociaj kaj civilaj leĝoj. En ĉiuj ĉi aferoj la praktika apliko de ordonoj de Kristo nepre estas necesa!

Ĉu ne estus krimo, se la katolikoj forlasus ĉi tiujn kampojn al la kontraŭularo! Des pli granda krimo, ĉar en la nuna demokrata sistemo la aparta ŝtatano havas eblecon, per voĉdonadoj decidi pri la direkto de interna kaj ekstera politiko?

Ni eĉ devas konfesi sincere: se la politiko hodiaŭa estas malmorala, sendia, nekrista, ĉefa kaŭzo de tio estas, ĉar la kristanoj, la katolikoj, ĉu pro nacia aŭ klasa egoismo, ĉu pro indiferenteco, ĉu pro manko de energio kaj vasta horizonto, malzorge preterlasis krei vere internacian opinion kristanan, preterlasis akiri influon necesan je la internacia politiko, preterlasis primediti la politikajn problemojn laŭ la vere grandanima, universala katolika vidpunkto, preterlasis politike organizi internacie la fortojn kaj decide agadi laŭ starigota vere katolika programo politika, kio devus esti nenio ol la simpla kaj senreserva apliko de la Kristaj ordonoj al la nacia kaj internacia vivo.

Sed ĉiuj lamentadoj estas ridindaj, tiom longe ne ekvekiĝas ĉe la gvidantoj kaj amasoj de la katolika popolo la brulanta hontemo pri nia malzorgo kaj senenergio, la fajra konscienco, ke ni finfine devas plenumi niajn katolikajn devojn ankaŭ rilate la internaciaj problemoj. — — —

La katolika politiko en Eŭropo! Antaŭ ol paroli pri ĝi estus necese, koni la katolikajn fortojn politikajn en la ĉefaj landoj. La lastaj balotadoj en Italio, Germanio kaj Francio donas interesajn bildojn pri tio.

En Italio estras diktatore Mussolini. Depost la milito tie plej sukcese laboras la kristana partio populara, memstare gvidata, tamen subtenata nur per la katolikoj. Ĝi estas vere populara partio, profunde enradikiĝanta en la amasojn kaj ĝia forteco estas admirinda. La ŝajnaj malsukcesoj dum la lastaj elektadoj (la partio nur atingis 45 seĝojn kontraŭ 100 plifrue) estas kaŭzata per la maljusta „leĝo Acerbo", kiu garantias al la plimulto $^{2}/_{3}$ de la seĝoj. Sen ĉi tiu leĝo la partio estus akirinta almenaŭ 100 seĝojn. Kaj subtenata per tiu ĉi forta popolamaso Don Sturzo povas kuraĝe, kontraŭstari en publika polemiko al la faŝismo ĉiopova. Certe, post reveno de normalaj cirkonstancoj la P. P. I. estos forta centro en la parlamento itala. Konataj estas la energiaj iniciatoj de P. P. I. por starigo de interparlamenta katolika asocio, kiuj malfeliĉe ĝis nun ne povis havi realan sukceson.

Pli interesaj estas ankoraŭ la elektadoj en Francio kaj Germanio, pli grava pro la grandaj problemoj solvotaj inter la du ŝtatoj.

Laŭ katolika vidpunkto ne ekzistas partio aŭ politika organizo speziala en Francio. Antaŭ la lastaj balotadoj oni aŭdis pri kreo de centra oficejo en Parizo kun tendenco prepari kristano-demokratan grupon en la parlamento; sed videblaj sukcesoj ne konatiĝis al ni. Oni eĉ scias, ke altrangaj aŭtoritatoj kelkfoje ne multe simpatias kun la tendenco, krei specialan katolikan grupon, opiniante, ke per tio la dispartiĝo inter la francaj katolikoj pliĝrandiĝus... Sed, estas certa, ke la francaj katolikoj dispartigas siajn voĉojn inter la dekstra kaj maldekstra parlamenta bloko, tamen tiel ke plimulto voĉdonas por la dekstruloj. Ni ne estas kompetentaj juĝi pri la oportuneco de la nuna stato, tamen ŝajnas al ni certa fakto historia, ke estinte la manko de forta politika partio kaŭzis rimarkindajn malutilojn al la franca katolikaro. Ĉar tio faciligis al la kontraŭuloj la kreon de kontraŭ-religiaj leĝoj... Ĉu estas reala garantio, ke estonte ne okazos similaĵoj?

En Germanio la katolika „Centro" estas la prototipo de la katolikaj partioj en Eŭropo. Naskiĝinta el la plej akra defendo kontraŭ la „Kulturbatalo" de Bismarck kaj de prusa ŝtato malnova, ĝi ankaŭ post la revolucio restis la

*) Por aktualigi la gazeton, ni klopodos de nun ricevi artikolojn, kiuj traktos politikajn problemojn nunajn laŭ katolika vidpunkto. Eble ni riskas per tio, ke unu aŭ alia el la legantoj sin sentas malagrable tuŝata en iu ajn demando. Kompreneble ni akceptas ĉiujn opiniojn senpartie, se ili estas esprimataj en vere kristana spirito. Vigla kunlaborado estas urĝe petata. Sed verku viajn artikolojn nepre mallonge, precize, klare! La Redakcio.

Jes, oni lin devigis sin imagi hejme. Ĉiu vidiĝis deziranta lin prizorgi, dorloti, servi, lerte kaj ĉiumaniere penadi por ke li havu plezuron en la „Tri Abioj".

Kaj kiel ne havi plezuron en tiu agrabla kaj gastema loĝejo!

Estis multe pli da komforto en tiu amerikana farmo ol en multaj burĝaj loĝejoj de l' antikva Eŭropo. Ĉie rebrilegadis elektra lumo. Grandaj fornoj elsendis dolĉan varmon en ĉiu ĉambro. Kaj, dek minutoj post la alveno de la fremdulo, telefonsonorilo alvokis Sron de Chevriéres je la aparato. Estis Jim, la fianĉo de Klary, kiu de Milwaukee, ĉefurbo de Wisconsin, antaŭ forlasi sian oficon ĉe la Catholic Publishing Company, volis li ankaŭ saluti la amikon de Patrick kaj partopreni de malproksime je la familia ĝojo. (daŭrigota.)

## Permanenta Subskribado por daŭrigi nian movadon kaj gazeton.

**Sub ĉi tiu rubriko ni estonte kvitancas ĉiujn donacojn por Ika, K. M., Ika-eldonejo, same la obligaciojn de IKE.**

### Kion ni bezonas

**Por Ika kaj kongreso dum la jaro 1924:**

| | |
|---|---|
| Luado de oficejo, meblaro, maŝinoj | 3000 sfr. |
| Presaĵoj, propagando, poŝtkostoj | 2000 sfr. |
| Salajroj por Ĉefsekretario kaj du helpsekretarioj | 6000 sfr. |
| Vojaĝoj, diversaĵoj | 1000 sfr. |
| entute | 12000 sfr. |

**Por Katolika Mondo:**

| | |
|---|---|
| Papir-, pres- kaj sendkostoj (sen iu rekompenso por la redakcio kaj administraco | 3000 sfr. |

**Por la Ika-Eldonejo:**

| | |
|---|---|
| Eldono de Imitado de Kristo | 4000 sfr. |
| entute | 19000 sfr. |

### Ni kvitancas *)

**El svisio:**

| | |
|---|---|
| Pro Müller | 10,00 fr. |
| Pro Röllin | 11,00 „ |
| Fino Haesele | 10,00 „ |
| Sro Isenrich | 6,00 „ |
| Pro Kofmel | 2,00 „ |
| Pro Holweg | 5,00 „ |
| Sro E.-Röllin | 4,00 „ |
| Sro Dudle | 2,00 „ |
| Sro Ming deputato (†) | 5,00 „ |
| Sro Balma | 10,00 „ |
| Sro Kummer-Güggi | 10,00 „ |
| Sro J. Huber | 3,00 „ |
| Pro Kiburz | 5,00 „ |
| Pro Vogelweid | 0,30 „ |
| Paramenta asocio | 10,00 „ |
| Abatejo E. | 30,00 „ |
| Pro Rebsam | 1,00 „ |
| Pro Badoub | 1,00 „ |
| Pro Redding | 3,00 „ |
| Sro Kappeln | 10,00 „ |
| Sro Felber | 5,00 „ |
| P. D. K., nederlandano | 208,00 „ |

*) Ne plu estas eble kvitami ĉiujn sumojn de la tuta jaro 1924, precipe el Germanio, Aŭstrio, Ĉeĥoslovakio, kie amikoj ofte per poŝtkonto same pagis K. M. kaj sendis donacojn.

## La peceto...

**(Imitaĵo.)**

Kara Samideano.

Mi fine devas diri al vi la veron!

Mi tutkore ŝatas, eĉ amas vian ĵurnalon; sed vere vi ĉiam petas monsendon. Ĉiu numero enhavas novan alvokon. Vi trouzas la sindonemon de viaj amikoj!

Ni estas aro de viaj abonantoj, kiuj krias: „sufiĉe!", kaj je ilia nomo mi skribas al vi.

Ke ni povus estonte ĝuadi la feliĉon legi interesan, okpaĝan ĵurnalon, sen vidi ĉi tiun ĉiaman monpeton.

Tion mi diras kun nenia akreco. Mi estas ĉiam via admiranta kaj sindonema amiko.

Petro Duardelo.

* *
*

Estas la oka matene, kiam la direktoro ricevis la longforman verdan koverton.

Jen lia tagtempo mirinde komencis... vera tago de ĵurnaldirektoro!

Li legis, relegis, rigardis la paperon. la skribmanieron.

Kia trograndigo!... Siaj alvokoj estas time enpresitaj sur la kvara paĝo, meze de la anoncoj!

Tamen li detale ekzamenis:

Li ofte petis? ... Vere estas...

Sed kiel alie fari...??

La malfacilaĵoj de privatuloj...? la multekosta porvivo...? Sed ilin li spertas, kaj kiel akre, en sia entrepreno!... La konservado

# El la forĝejo de la internacia framasonaro.

Ĝenerale la katolikoj estas malbone aŭ malĝuste informataj pri framasonaj aferoj. Ne estas tie okazo priskribi la historion interesegan kaj multvarian agadmanieron de la diverslandaj loĝiaroj, kiuj nuntempe — krom la brutala kapitalistaro — estas la plej influa organizacio internacia, impona per sia multnombreco, admirinda per sia eksterordinara kapableco, alĝustigi la organizon kaj la agadon al la variaj bezonoj de ŝtatoj kaj tempoj, timinda pro la mirinde granda nombro de talentaj viroj en iliaj vicoj, danĝera pro la pli malpli sen — aŭ kontraŭ — religia karaktero, se oni komprenas la religion en esenca koncepto kiel interligilo inter naturo kaj supernaturo, inter Dio kaj homo. Ĉar tro ofte la ∴ aro*) precipe en eŭropaj landoj uzas la vorton „religio“ nur en mistifika maniero, laŭ la deista, nurnatura uzo en la unua statutaro de 1738.

Sed tie ni traktu pri la evoluo internacia de la ∴ aro, kiu kompletiĝis je la internacia framasona kongreso de Ĝenevo, 27-30 Sept. 1923. Interesega estas, ke ĉiuj gazetoj, katolikoj kaj nekatolikoj preskaŭ tute silentis pri tiu gravega okazintaĵo, kiu precipe meritas la atenton de la katolikoj. Ni mallonge skizu tiun kunligiĝon de ĉiulandaj framasonoj, sekvante precipe la eminentajn artikolojn de P. H. Gruber, S. J. en nederlanda revuo „Historisch Tijdschrift“ **), Tilbourg, kaj la raporton, sendita de P. Gruber al la 3a kongreso de Ika.

**I. La antaŭlaboroj ĝis la jaro 1921.**

La inicianto kaj senlaca propagandisto de la internacia interligiĝo estas fr ∴ Ed. Quartier-la-Tente 33 ∴, protestanta pastro, urbkonsilanto kaj direktoro de la publika instruado (!) en Neuchâtel, grm ∴ de la grl ∴ Alpina 1900—1905, depost 1921 direktoro de la Internacia Framasona Oficejo en Ĝenevo. Ĉi tiu oficejo („Bureau International de Relations maçoniques“) estas la praktika rezulto de la tri internaciaj fram. kongresoj de 1889, 1900 (ambaŭ en Paris), 1902 (Ĝenevo).

La kongreso de 1889, aranĝata okaze de la granda internacia mondekspozicio estas certe la plej signifa. Ĉar tie oni starigis, sub gvidado de gro ∴ de Paris la novan mondrevolucian programon kun fincelo: la mondrespubliko per la socia kaj politika revolucioj. Plej grava estis la fina decido, per kiu la gro ∴ de Paris estis komisiita, tuj kunvoki internacian kunvenon de ĉiuj grandloĝioj por realigi unuecan internacian kunlaboradon laŭ la komuna ∴ ara programo.

La plej decida antaŭenpaŝo fariĝis je la internacia ∴ ara kongreso de Paris 31a aŭg. — 2a sept. 1900, kie oficiale estis reprezentataj la ∴ araj asocioj de Belgio, Egiptio, Hispanio, Hungario, Italio, Luksemburgo, Nederlando, Portugalo kaj Svisio.

La ĉeftemo estis denove la internacia kunligiĝo de la tutmondaj fortoj ∴ araj kaj kiel praktikan rezulton oni decidis la kreon de internacia ∴ ara oficejo. Fr ∴ Quartier-la-Tente nomis kiel ĝian precipan taskon: la realigo de la Allience Maçonigue Universelle (universala alianco ∴ ara).

Fr ∴ Quartier-la-Tente estas eminente talenta, energia, vasthorizonta viro. Per multnombraj vojaĝoj, tutmonda korespondado, aranĝo de internaciaj konferencoj kaj kongresoj li obstine antaŭenpreŝis la ideon.

Finfine je la internacia kongreso ∴ ara de Ĝenevo sept. 1902 oni fakte kreis la oficiejon internacian, kiu komencis la laboron je 1a de januaro 1903 sub gvidado de fr ∴ Quartier-la-Tente 33 ∴. Per genia agitado li nun sukcese daŭrigis inter sennombraj malfacilaĵoj la realigon de sia granda plano: tutmonda kunligiĝo ∴ ara. Kongresoj, festoj, intertraktadoj, elparoladoj sin sekvis daŭre, li eldonis internacian bultenon (eldonota en 5 lingvoj). Granda centra biblioteko kreiĝis. La oficejo ricevis 1912 senkoste 150 framasonajn gazetojn kaj revuojn (!!).

Du ĉeftaskoj devis por li esti solvotaj: la repaciĝo inter la germana kaj franca ∴ aroj, kaj la reamikiĝo kun la aglosaksona — usona loĝiaro kiu malaprobis la sendian kontraŭ-religian agadon de la gro ∴ de Paris. La unua tasko sukcesis sufiĉe. La dua bone rezultiĝis je la lastaj tri jaroj.

**II. La internacia ∴ ara Kongreso 1921.**

Dum la milito ankaŭ la framasonaj rilatoj internaciaj parte nuliĝis. Ne mankas voĉoj de signifaj viroj, kiuj azertas, ke la ∴ aro grandstile kaj konscie preparis la mondmiliton por detrui per tio la centro-europajn monarĥiojn, kiuj, laŭ ilia opinio, estus estintaj la plej kompaktaj reakciaj fortoj en la malnova mondo. Certe estas, ke vastaj framasonaj rondoj ne amis la monarĥiojn centro- kaj orient-eŭropajn, ĉar ili estis malhelpo je la vojo al universala mondrespubliko liberala. Tamen ni ne juĝas nin kompetentaj decidi, ĉu fakte ekzistis pripensite ĉi tiu celo, per mondmilito disrompi la „centro-europan reakcion“ (kiel ili diris).

Certe estas la fakto, ke la ∴ aro, ankaŭ tie kiel ĉiam, plej prudente eluzis la stuacion kreatan per la milito kaj la sekvintaj revolucioj, por venkigi siajn ideojn. Certe tamen estas ankaŭ la fakto, ke granda kaj influa parto de la ∴ aro sincere kaj plej energie subtenas la klopodojn por daŭra paco kaj interfratiĝo de la popoloj. Kaj estas bedaŭra fakto, ke la katolikoj en multaj landoj ne samenergie celadas la pacon interŝtatan. Tial ankaŭ la ∴ aro havas decidan influon je la Ligo de la Nacioj (kiu troviĝas en sama urbo kiel la centra oficejo ∴ ara!).

Fakto estas ankaŭ, ke la framasonaro tuj post la milito ekkomencis la klopodojn por kunfortigi la internacian kunagadon de la framasonoj tutmondaj.

Du grandaj problemoj sin montris. La kunagado efika inter usona kaj latinofranca framasonaro kaj la repaciĝo inter la franca kaj germana loĝiaro.

La unua tasko sukcese solviĝis je la internacia ∴ ara kongreso de Ĝenevo 19—23a Okt. 1921.

**Unuafoje depost ekzisto de la ∴ aro anglosaksona loĝio, nome la plej influa gro ∴ de Usono, la grandloĝio de New York oficiale kunlaboradis kun la francolatinaj loĝioj.**

La eminente grandan signifon de tiu historia okizantaĵo montras la fakto, ke la tutusonaj loĝiaro nombras 2800000 aktivajn membrojn (dume la germana ∴ aro ekz. entute nur havas ĉa 62000).

La unua celo de la kongreso estis efike realigi aŭ almenaŭ prepari tutmondan interligiĝon de ĉiuj framasonaj fortoj por certigi al la loĝiaro plej grandan kaj daŭran influon je la novkreitaj cirkonstancoj en la mondo.

La plej influaj personoj de la Kongreso estis krom fr ∴ Quartier-la-Tente precipe fr ∴ Townsend Scudder eksgrm ∴ de la grl ∴ de New York, eminenta juristo, juĝisto je la superega tribunalo de la ŝtato de New York, A. S. Tompkins, nun grm ∴ de la grl ∴ de New York, plue estis representataj la grandloĝioj de Italio (Toniggiani 33 ∴), Francio (Monier, Wellhof, Dupré ktp.), Belgio (Magnette 33 ∴), Portugalo (Magalhaes Lima 33 ∴), Svisio (Reverchon 33 ∴), Nederlando, Hispanio, Aŭstrio, Bulgario.

**La ĉefa rezulto estis la kreo de interligiĝo inter multnombraj framasonaj ligoj por pli intima kunlaborado framasona kun la celo, per tio realigi iom post iom ligiĝon de tutmondaj fortoj framasonaj al realigo kompleta de la framasonaj celoj.**

La nomo de la nova asocio estas: Association Maçonnigue Internationale (asocio framasona internacia). Kiel unua ligkanceliero estis elektata fr ∴ Quartier-la-Tente.

Plue oni starigis novan statuton kaj klarigon de la principoj, kiujn ĉiu aliĝonta loĝio aŭ loĝioligo devas rekoni. Eble ni povas pli poste publikigi la interesegajn tekstojn.

La 142a jarkunveno de la grl ∴ de New York aprobis la kontrakton de Ĝenevo kaj per tio **la framasonara Internacio estas videbla fakto.** Ĉar neniu povas esti dubo, ke la plej talentaj iniciintoj Quartier-la-Tente Scudder, Ossian Lang, Torrigiani, Monier ktp. ne sukcesos siom post iom aligi ĉiujn pli signifajn loĝiojn de la mondo.

Plej energie ili daŭrigas la repaciĝon inter la diversnaciaj kaj diversritaj loĝiaroj. Kaj la progresoj ĝis la nunaj tagoj videble montras, ke la **framasonara Internacio nun estas historia fakto.**

(daŭrigota.)

*) mallongigo - framasonaro, fr ∴ - frato, ano de loĝio, grm ∴ - grandmajstro, gro ∴ - grandoriento, grl ∴ - grandloĝio ktp.

**) La tri artikoloj aperas separate en germana lingvo en Tilbourg, Nederlando.

**Pro la translokigaj laboroj kaj novkreo de la oficejo kaj kongreslaboroj la maja numero ne povis eliri ĝustatempe. Pro tio la julia numero, elironte ĝustatempo laŭeble aperos ankaŭ pli amplekse!** **La redakcio.**

## Ĉu la mediumismo estas reala fakto?

### Gravega demando por la katolika scienco.

(daŭrigota.)

Ne estas eble tie raporti ĉiujn plej interesajn fenomenojn, kiujn ni observis dum ĉi tiu kunsido. Sed malgraŭ bona volo kaj plej granda atento ni ne sukcesis konstati eĉ la intencon de trompo. Kaj oni certe povas diri, ke la fenomenoj estas tiom komplikaj kaj tiom ofte ekzamenataj, ke trompo estas preskau neebla. Ĉar per trompo kaŭzi tiajn fenomenojn estus por si mem vera fenomeno kaj eĉ pli komplika miraklo ol la simpla konstato: tie ekzistas sendube misteraj fortoj psikaj, kies fenomenoj estas konataj jam en la tuta homora historio, plej ofte intermiksitaj kun superstiĉo . . . misteraj fortoj, kiujn la moderna eksperimenta scienco povas konstati, sed ne ankoraŭ klarigi!

Sed por ke ni ne meritu la riproĉon de superstiĉa facilkredemo ni citas kelke da frazoj el la artikolo de doktoro de teologia kaj natura scienco Ude, prof. ĉe la teologia fakultato katolika en la universitato de Graz, mondkonata scienculo. Prof. Ude skribas en la katolika gazeto „Volksblatt“, post kiam li estis aranĝinta en sia propra hejmo kun plej diligenta preparo multajn „kunsidojn“ kun aliaj scienculoj:

„Unue mi devas konstati, ke Sino Silbert ĉiufoje plej volonte obeis al mia diligentega kontrolo kaj al ĉiuj aranĝoj necesaj por la scienca eksperimento. Precipe mi volas atentigi je tio ke du kunsidoj okazis en mia propra loĝejo kie oni pli facile povis kontroli la aranĝon kaj elkovri eblajn trompaĵojn. Kiel resumon de la ĝisnunaj rezultoj, mi certe povas konstati jenon:

Ĉe ĉiu kunsido ni povis plej ekzakte observi ĉi tiujn strangajn, ofte vere surprizajn fraptonojn kiuj sendube estas kauzataj per „io“ intelekta aŭ pli bone estas plenumataj per intelektplena enhavo; ŝame ni povis konstati la tiel nomitajn „trance“ — fenomenojn de la mediumo. La fakton de la „tuŝadoj“ en la piedoj kaj brakoj je mistera maniero (ĉiu trompo per la mediumo estis neeble) mi povis oftege konstati ĉe mi kaj aliaj . . . Jam la multaj plej belaj lumfenomenoj, kiujn ni povis plurfoje vidi sen iu dubo, kaj kiuj oftege memoras la elektrikajn lumfenomenojn, sendube pruvas la ekzistadon de „okultoj“ kapableoj ĉe Sino Silbert . . .

Sed ĉio, kion ni ĝis nun povis observi, estas tute diferenca de la „popularа“ spiritismo. Sed jam hodiaŭ por mi estas sendube, ke ĉi tie temas pri eksterordinaraj ĝis nun neklarigeblaj psikaj fortoj, kiujn Sino Silbert pro sia origina konstitucio posedas. Sed kiel ĉi tiujn fortojn kaj fenomenojn klarigi? Tion ni pruvu post plua plej diligenta ekzamenado.“ (daŭrigota en alia paĝo)

# Granda reunuiga kongreso en Velehrad, Ĉeĥoslovakio

Mondkonata jam estas la konferencoj de Velehrad, kie anoj de la roma kaj orienta eklezioj kunvenas ĉiujare por kune pritrakti en serioza kaj scienca maniero la problemon de frata reunuiĝo inter orienta kaj roma eklezioj.

La 24$^{an}$ de Februaro okazis en Olmouce, sub la prezido de Msro Preĉan, arĥepiskopo, prepara kunveno por la nunjara konferenco, kiu okazos la 23$^{an}$ de julio ĝis 3$^{a}$ de aŭgusto.

Tie oni komunikis la resulton de enketo internacia ĉe tutmondaj fakuloj pri la plej gravaj temoj traktotaj ĉijare. Inter la respondoj meritas mencion tiuj de Msro Szeptycki, metropolito de Galicio, de R. P. d' Herbigny kai Spàčil de la Orienta Instituto en Romo, de prof. Grivec, Ljubliana ktp.

Kiel programon do oni fiksis jenajn temojn:

1. La hodiaŭa doktrino orienta pri la konstitucio de la eklezio kaj principoj de la unio.
2. La rolo de la patriarkato laŭ historia, dogmatika kaj kanonika vidpunktoj.
3. Kion oni devas fari por ebligi la reunuiĝon sur slava teritorio.
4. La apostolato de Sanktaj Cirilo kaj Metodio kiel efika ilo de la reunuiĝo.
5. La socia agado kaj karita subteno por la rusaj elmigrintoj.

Krom tio en specialaj komisionoj estos traktataj i. a. jenaj interesegaj temoj:

La reuniga demando dum la lasta ĝenerala konĉilio (Msro Szeptycki), la reunuigaj klopodoj inter la anglikanoj kaj ortodoksoj (P. d' Herbigny), la eklezio de Konstantinoplo depost la skismo de Photius (dro Dvornik), la reunuiĝo en Jugoslavio (Zlckoviĉ el Zagreb).

Oni atendas grandnombran ĉeestadon de scienculoj orientaj kaj okcidentaj. Speciala papa letero kaj la alesto de episkopoj donos al la konferenco precipe solenan karakteron. Informojn donas la Apostolato de Sanktaj Cirilo kaj Metodio (prel Ledochowski), Olmouc, Ĉeĥoslovakio.

---

# La internacia institucio „Ora et Labora" en Sevilla.

La internacia institucio „Ora et Labora" („preĝu kaj laboru"), jam disvastigata tra multaj landoj en diversaj terpartoj, estas unu el la katolikaj socialaj laboroj plej modernaj, inda de publika laŭdo. Por diskonigi ĝin inter la katolikoj kunhelpas la ĉiujara internacia festo „La tago de katolika Gazetaro" (29$^{a}$ de junio).

Sed la agadkampo de „Ora et Labora" estas multe pli vasta. Tri estas ĝiaj fakoj: Propagando inter la seminarianoj; edukado pri pastra agado moderna, kaj la asocio de la gazetpropagandistoj.

### Ĝia deveno.

La Fako de Propagando inter Seminarianoj estis fondita en la jaro 1905 en la Pontifika Seminaria Universitato de Sevilla (Hispanio) per iniciativo de tiu kiu ankoraŭ estas la animo de „Ora et Labora" lia Pastra Moŝta Ildefonso Montero. La propaganda Fako konsistas el dekdu seminarianoj kaj ĝia celo estas prepari la seminarianojn, estontaj pastroj, al la sociala apostoleco, laŭ la postuloj de la nunaj tempoj. Sufiĉas eldiri la celon por kompreni ĝian ĝustatempecon. De la unua momento atingis tiu laboro la entuziasmajn aprobojn de la plej ĉefaj ekleziaj aŭtoritatoj, kaj fine tiun de lia Sankta Moŝto Pio X$^{a}$, 8$^{a}$ de Decembro de 1912$^{a}$ kiel respondon al prezentskribo adresito de Ora et Labora; kaj tiun de Lia Sankta Moŝto Benedikto XV, datumita la 20$^{an}$ de Majo 1920$^{a}$; la dua, hispane verkita, diras: La Papo senhalte, laŭdadas kaj benas tiujn, kiuj laboras laŭ la temo „Ora et Labora".

### Disvastiĝo.

Tiu laboro estis radianta el Sevilla, al pli ol cent seminarioj. En la kampo de la gazetaro ĝia agado estis kaj estas brilega. Ĝi organizis kontraŭ la malpia gazetaro pli ol 15.000 propagandistojn; ĝi sendas senpage instrukciojn kaj presaĵojn por fari propagandon al la pastroj kaj laikoj; ĝi eldonas broŝurojn pri praktika propagando; ĝi presigas foliojn; kaj kunhelpas la similajn instituciojn.

Tri jaroj da ekzistado kalkulis la Propaganda Fako, kiam oni kreis en 1908 el la malnovaj seminarianoj, jam pastroj, la Edukejon pri Pastra Agado kiu siaflanke foje organizis en 1914 la Asocion „Ora et Labora" de Gazetpropagandistoj, al kiu apartenas pastroj kaj nepastroj el ĉiuj hispanaj eparĥioj.

En vasta salono, mirinde preparita, el la Palaco de Sankta Telmo, nune Pontifika Seminaria Universitato de Sevilla (Hispanio), Poŝtaparto 84, estas instalata la Centra Oficejo de la Internacia Instituico „Ora et Labora".

### Nuna laboro.

La laborado estas konstanta kaj vivega. Tiu institucio interrilatiĝas kun pli ol 50 tutmondaj asocioj. Ĝi ricevas centojn da fremlandaj publikaĵoj, kiujn oni kune knn la hispania konservas en la Hemeroteko Universala Katolika, unika en la mondo. Ĝi eldonas la „Katalogon" priskribantan la Hispanan Gazetaron" kaj „Katologojn de katolika gazetaro, nehispana", en kiuj oni estas informita pri pli ol 6000 gazetoj kaj revuoj. „La Gazetaj konkursoj" de „Ora et Labora" atingis grandan sukceson, ĉar oni ricevis en tute, pli ol 10 000 gazetajn artikolojn, verkitaj de seminarianoj. Al tiuj konkursoj partoprenas jam de dekkvin jaroj la seminarianoj de tuta Hispanio; la limtempo por prezenti la verkojn, finiĝas je la 30$^{a}$ de Septembro, samtempe kiel la somera libertempo: la premiitajn laborojn oni publikigas en „La palestra" (La Batalejo) kaj en la „Almanaque de la Prensa" (Gazetara Almanako). La Asocio estas organizinta gazetaran akademion, en kiu oni instruas praktike la gazetarton; ĝi publikigas monate la gazeton „Ora et Labora" ĝi organizas ĉiujare kun kreskanta sukceso la tagon de Sankta Petro, feston de la Tago de la Katolika Gazetaro. En la sep jaroj, en kiuj ĝi soleniĝis, oni monkolektis 850 000 pesetojn, el kiuj 85 000, tio estas la 10%, oni dediĉas laŭ propono de la iniciatinto kaj antaŭpusanto, lia Pastra Moŝto Ildefonso Montero, al la „Mono de Sankta Petro". En 26 nacioj oni solenigas tiun feston kiun „Ora et Labora" celas plivastigi tra la tuta mondo, per reklamoj eldonitaj en dek lingvoj.

Tiel estas skize, la mirindega laboro de „Ora et Labora" kiu superas jam la limojn de Hispanio, kaj ĝi enradikiĝas en la tuta mondo, por la beno de la Eklezio.

Estas dezirinde ke ĉi tiu meritplena institucio konatiĝu en la mondo. Precipe meritas rekomendon la organizado tutmonda de la „gazetara tago katolika", kiu ne nur estus sukcesa por la nacia gazetaro katolika, sed precipe ankaŭ por la baldaŭega kreo kaj daŭra financigo de la internacia gazetara agentejo katolika, tiu necesega instrumento de la tutmonda konscienco katolika. M. M.

---

Rezulto: Mondkonata profesoro de katolika teologio konstatas, ke ĉe Sino Silbert estas mediumaj fortoj neklarigeblaj ĝis nun per la eksperimenta scienco . . . Certe ĉi tiu problemo meritas la atenton de la katolikaj scienculoj: teologoj kaj filozofoj. Ĉiuj interesantoj sin turnu al la Laborunuiĝo por parapsikologia scienco, Graz, Bergmanngasse 25, kie multaj katolikaj spertuloj kun laboras; oni petas la fakton precipe la artikolon de Prof. Ude konatigi en la fakgazetoj!

La Spiritisto.

Rim. Volonte ni akceptas precisajn, klarajn, mallongajn artikolojn de fakuloj pri okultismo, mediumismo ĉu por ĉu kontraŭ, por daŭrigi la diskutadon pri la interesega problemo. La Redakcio.

---

# Internacia Revuo.

**Internacia karita komitato:** Laŭ fidinda sciigo oni preparas la kreon de internacia karita komitato katolika, kie estus interligotaj ĉiuj karitaj asocioj kaj instutoj katolikaj, kun ĉefa tasko, komune agadi por internaciaj taskoj karitaj dum paco kaj milito laŭ ekzemplo de Ruĝa Kruco. Oni intencas okazigi unuan kunvenon dum la eŭĥaristia kongreso en Amsterdam. Ni ĝustatempe raportos pri tiuj interesegaj klopodoj, kiuj certe meritas la subtenon de ĉiirlandaj karitaj organizoj.

**Pax Romana,** la internacia katolika studenta movado preparas la nunjaran kongreson en Budapest (20—25 aŭg.). Centra oficejo: Pax Romana, Fribourg, Svisio.

**Internacia festo** grandstila estio la sanktigo de la nova katedralo en Linz, Austrio, rimarkinda precipe, ĉar oni (krom la latina rito) uzis samtempe du orientajn ritojn por tiel montri la samvaloron de ĉiuj katolikaj ritoj.

La katredalo de Linz estas unu el la plej grandaj kaj majestaj eklezioj de tuta Eŭropo (longeco 130 m, larĝo 60 m alteco 27,5 m); ĝi facile akceptas 20 000 personojn. Krom la papa delegito, Kardinalo Frühwirth, partoprenis je la tanktigo 4 Kardinaloj, 80 episkopoj kaj prelatoj kaj grandega popolamaso.

**En la oriento** la situacio estiĝas pli kaj pli ruiniga por la kristanaj eklezioj. La panturka parlamento nun plej akurate imitadas la „morojn" de la „kristanaj" ŝtatoj de Eŭropo. Ĝi per specialaj leĝoj malpermesas la kristanan instruadon, fermas la religiajn lernejojn forpelas la gemonaĥojn . . . La „kristanaj" okcidentuloj povas esti fieraj je tiaj „lernintoj". Ĉu in fakto plibone ilustras la ridindan senpovon de la okcidenta kristanaro! Kelkfoje in protesto! Sed kio estas protestoj! Jam estis la turkoj la skurĝo de la Kristanaro! Kaj nun?

Bone informitaj rondoj azertas, ke nuntempe organiziĝas en tuta oriento de Aleksandrio kaj Konstantinoplo ĝis Tokio kaj Melbourne giganta propagando de sekretaj kaj malsekretaj sektoj! Kun kiaj celoj? — Jes, la eŭropa kristanaro disiĝas, amuziĝas, dum la mondo estas dispartita!

**Ĥinio.** Dos pli multe ni salutas la aranĝon de la unua tutĥina sinodo katolika, kiu okazos en ĉi tiu jaro kun partopreno de multnombraj indigenaj pastroj! Ke la giganta imperio kristaniĝu antaŭ ol la moderna „civilizaciok" ankaŭ tie ekvekos la „ŝovinismon" tutĥinan, kiu povus estiĝi vera danĝero por Eŭropo.

**Gazetara kongreso nacia** okazas komence de junio en Toledo, Hispanio sub la alta protektorato de la tiea Kardinalo E. Reig. La interesega programo, kiu kunigas ĉiujn katolikajn gazetojn de Hispanio estas vere moderna; Kiom pluraj organizaj demandoj, oni precipe traktas pri edukado profunda de katolikaj jurnalistoj, plue pri apliko de la modernaj komunikiloj („radio") por la katolikaj gazetoj. Inter la ĉefaj iniciantoj troviĝas Msro. Montero direktoro de Ora et Labora, Sevilla. Estas jam nun la 3$^{a}$ jarkunveno. Tre dezirinde estus, ke similaj kunvenoj okazus en ĉiuj katolikaj landoj. Tiam la internacia gazetara azentejo katolika estus facile realigebla.

**Hungario.** Feliĉan sukceson tie havis la Esperanto-movado. Post la tro frua morto de la mondkonata prezidanto Mgr. prel. Gießwein. Sia Episkopa Moŝto Ant. Nemes, episkopo de Szombathely bonvolis akcepti la honoran prezidantecon. Kommence de junio tie okazas la nacia Eo-kongreso, al kiu estas invitataj ĉiulandaj amikoj (adreso: Szombathely, Paragvari 18).

**Diabolaj radioj** kaj aliaj satanaĵoj estas la plej modernaj „eltrovaĵoj", pri kiuj nuntempe sin plej urĝe interesiĝas la Eŭropanoj. Ili almenaŭ komencas esti iom sinceraj dirante, ke la mortarmiloj kaj militmaŝinoj estas vere produktaĵoj satanaj. Ne sufiĉas la kanonoj, aeroplanoj, gasbomboj . . . nun per elektro-radioj oni organizas la mortigon de la milionoj. Estas malfacile diferenci, ĉu la tuta Eŭropo estas malsaĝulejo-aŭ grandoza lukspalaco de la satano . . . Kion dirus Kristo?

La revuisto.

# Kvara Internacia Katolika Kongreso.

**Venizo 15—20 aŭgusto 1924.**

**Fakaj Konferencoj.**

Ĝis nun estas preparataj:

Gazetara konferenco: La tutmonda apostolato de la katolika gazetaro. Vojoj praktikaj al kreo de internacia kat. gazetara agentejo (organizaj kaj financaj demandoj).

Instruista konferenco: la internacia kunligiĝo de la katolikaj instruistoj.

Komercista Konferenco: perfektigo de la internaciaj rilatoj kaj institucioj por efika kunlaborado de la katolikaj komercistoj.

Pastrara konferenco: Perfektigo de la internaciaj rilatoj inter la eklezie aprobitaj pastraj organizoj.

Elmigrada konferenco: La religia kaj civiliza protektado de la katolikaj elmigrintoj.

Esperanto-konferenco, samtempe 5a kongreso de la katolikaj Esperantistoj italaj: La utilo de moderna helplingvo por la kunlaborado de la katolikoj.

Krom tio okazos specialaj elparoladoj por la studentoj (Pax Romana), virinoj, junuloj.

**Diversaĵoj.**

Kongresdato: La kongreso komenciĝas per solena Diservo la 15an de aŭg. kaj finiĝas je la 19a aŭg. vespere. Dimanĉe, 17a aŭg., ĝenerala komunio por paco; postagmeze vizitado de l'urbo; vespere demonstracio publika.

Kotizo: Svisio 6 fr., Anglio, Germanio: 5 ŝl, o. m., Hispanio 8 pes., Francio 15 f. fr., Aŭstrio 50000 aŭ. Kr., Ĉeĥoslovakio 30 Ĉ. Kr., Jugoslavio 50 din., Italio 15 liroj ktp.

Por junuloj kaj malriĉuloj oni donas rabatojn laŭpove.

Invitoj eliris en angla, franca, itala germana, latina lingvoj! Oni mendu ĉe Ika-Oficejo!

Kongresmembro estas ĉiu katoliko, paginta la kotizon. Kiu ne povas partopreni, ricevos presotan raporton, laŭpostule.

Financoj: La finanza subteno estas necesega. Nur la presigo de la invitoj kaj propagandiloj postulas centojn da svisaj frankoj.

Aliĝojn oni sendu el ĉiuj landoj al la Ika-oficejo, Zug, Svisio, aŭ al la Ika-direktoro de la lando; por Italio akceptas aliĝojn ankaŭ la Sekretario de la loka komitato:

Venezia, Campiello Fenize 1924.

**Sendu tuj vian aliĝon!**

Kongresistoj, kiuj aliĝas post 1a de julio, ne plu havas certan garantion, ke ili havos loĝigon per la loka komitato.

**Propagandu en la gazetaro!**

Publikigu la leteron de la slovakaj episkopoj! Publikigu la programon! Sendu almenaŭ malgrandajn notojn al la gazetaro!

**Aliĝoj novaj:** Grafino Gerta Walterskirchen, Vieno, R. P. Pechenino, Italia, Sro Bissig, Svisio, Sro. Kritz, Svisio, abato Dumulieo, Francio, Rev. dro Don Ernesto Vercesi, Milano, Sro Muffang, Francio, abato Flajollet, Francio, Kav. grafo Nosolini, Portugalo kun pluraj amikoj, Kan. Msro. Südczi, Ĉeĥoslovakio, dro Schreyvogel, Aŭstrio, Kav. grafo de Noaillard, Francio, Sro Bernhard, Bavario, Kav. Ambr. Songone, Italio, Sro van Sonsbeck kun edzino, Francio, Sro. Ccezek, Polio ktp.

* * *

**Kongreso en Vieno.**

De Katolika amikoj ni ricevas jenan sciigon:

La loka organiza komitato invitas la gefratojn tutmondajn veni al la katolika fakkongreso kaj granda festo, okazonta en Wien, de 6—9 aŭg., antaŭ la universala.

Aparta kotizo ne ekzistas. Por ricevi la favoraĵojn de la Universala, aliĝu samtempe al tiu. Ĉiujn skribaĵojn oni sendu al Sro Victor Kasmader, Wien XVII, Herbeckstr. 92/6, Aŭstrio.

* * *

Pri la kunveno de amika rondo por kune vojaĝi Venizon en sekvonta numero.

forta roko en la nova demokrata parlamento. Certe ĝi perdis seĝojn pro la disigo de grandaj katolikaj provincoj (Saarteritorio, Silezio, Pozeno ktp.) kaj la eksiĝo de la bavara partio. Tamen ĉi venke eliris el la lastaj elektoj kun 64 seĝoj (— 1) kaj nun estas la decida balancilo en la nova parlamento. Ĝi donis al la germana popolo la du grandajn kancelierojn: Wirth kaj Marx, kiuj prave nomiĝas la kancelieroj de la repaciĝo kaj de la reparacioj. Tiel la katolika centro sendube havas eminente grandan influon je la politiko de Eŭropo . . .

Laŭ ĝenerala vidpunkto oni povus opinii, ke la kontraŭaj rezultoj de la elektadoj en Germanio kaj Francio (en Germanio venkis la dekstruloj, en Francio la maldekstruloj) povus kaŭzi novajn konfliktojn inter la du ŝtatoj. Tamen se oni senpartie pristudas la situacion oni rimarkas, ke la motivoj ĉe la amaso de la elektintoj estas la samaj: ili nepre volas pacon kaj solvon de la reparaciaj problemoj.

En Germanio, kie la popolo ofte havas la konvinkon, ke la politiko de Poincaré ne nur alcelas reparaciojn, sed subpremon politikan kaj ekonomian de Germanio, rimarkinde plimultiĝis la nacionalistoj dekstraj, kiuj postulas fortan opozicion al tiuspecaj — laŭ ilia konvinko — ekzistantaj tendencoj. Tamen la sukcesoj de la ekstremaj nacionalistoj de Ludendorf kaj Hitler estas tre malgrandaj. Kaj ĉiam la partioj de la paco kaj reparacioj havas sufiĉan plimulton por daŭrigi la feliĉe komencitan politikon per la kancelieroj Wirth kaj Marx.

Pri Francio, kie la venko de la maldekstruloj estas ĉefe kaŭzata per internaj aferoj, tamen oni ne eraras opiniante, ke granda parto de franca popolo, revenante al la pacema antaŭmilita politiko, multe ŝatas la repaciĝon kun Germanio, kaj preferas la noblajn metodojn, originaj al la franca popolo, al la metodoj de limojn la postvenka „horizontblua" parlamento kaj registaro, kiuj en si estas kompreneblaj pro la gigantaŝarĝo de la reparacioj, tamen eble kelkfoje transpaŝis en la iloj la oportunajn. (daŭrigota.)

**Rimarko:** Oni petas sendi artikolojn pri jenaj temoj: la daŭra repaciĝo inter la Germanio kaj Francio; la katolika Rhejnlando kiel interpaciga faktoro inter la germana kaj franca popolo kaj civilizo; la katolikoj en la nova franca parlamento; la politikaj sekvoj de la germanoj elektoj por la ekstera politiko; statistiko pri la katolikaj partioj en Eŭropo; principoj de katolika mondpolitiko, la politika organizo kaj agado de la katolikoj en Hispanio, Jugoslavio, Polio, Ĉeĥoslovakio ktp.

## Pri la reformo de la kalendaro.

Pri tiu temo K. M. (Katolika Mondo) publikigas artikolon kiun la episkopa kancelerio de Paris estus doninta al la ĵurnalo „Croix".

Mi ne scias ĉu la artikolo reprezentas serioze la penson de iu ajn aŭ en ĝi estas kontraŭe la fantaziaĵo de kelka ĵurnalisto, kiom ajn granda estas mia respekto por la ĵurnalo „La Croix".

Ĉi tio precipe pri la demando pritraktanta la sinsekvon de la semajnotagoj, ĉar pri la dua temo, t. e. pri la dato de la Pasko, ĝi estas sendiferenta, ĉu ĝi okazos en la sama tago aŭ en diversa tago.

Sed la proponata reformo estas tiel strangega, kaj tiel revolucia kompare kun la miljaraj kutimoj, ke oni ne povas absolute ĝin akcepti. Efektive pensi ke estas eble havi 5 aŭ 6 sinsekvajn jarojn kun 364 tagoj kaj poste unu kun 371, havi monatojn kun 4 kaj monatojn kun 5 tutaj semajnoj, diferenciĝas tiel multe de nuna tempodividoj, ke tro malfacile oni alkutimiĝos al novaj formoj. Ĉar finfine estus multe malpli malkomoda, prezentas multe malpli da malutilaĵoj la nuna formo, kun siaj malregulecoj al la nove proponata. Efektive oni parolas pri reformo de kalendaro pro tio, ke ĝi ne estas regula en sia nuna formo, sed se oni volas reformi ĝin, oni devas plibonigi, ne malplibonigi ĝin; oni devas forigi la kaŭzojn de la malreguleco, ne aldoni aliajn.

(daŭrigota.)

**Antaŭ mendu Imitado de Kristo.**

de la domo, la plikariĝo de la papero, de la presado, de la poŝttarifo, de la . . .

Cetere li neniam trudpelas doni ion. Li delikate, ĝentile petas.

Se la bravega Sro Duardelo estus ĵurnaldirektoro, li verŝajne tuj rezonus sammaniere, precipe kiam alvenis la pezaj pagdatoj kaj la monatfinoj.

Fine! . . . Li plejbone agos! . . . Li penas por kontentigi ĉiujn kaj Sron Duardelo'n . . . li serĉas eblon por lasi sian legantaron ĝuadi la legadon de multinteresa ĵurnalo . . . kaj tamen definitive aranĝi sian budĝeton.

Ha! agrable estas direkti kaj eldoni ĵurnalon!

* * *

Nu, ok tagoj poste, Sron Duardelon atakis gripo . . . tre malbona gripo . . . tiel malbona, ke Sro Duardelo mortis.

Tuj li ĉeestis antaŭ sankta Petro.

— Bonula sankta Petro, estas mi, Sro Duardelo!

— Ha!

— Mi estas sindonema katoliko, vera bonfaranto de ĉiuj bonaj asocioj, kiujn mi monhelpis, inter alie la internacian agadon mi subtenis, ankoraŭ, hieraŭ mi reabonis „Katolikan mondon" . . .

— Ha!

— La estimata direktoro intime min konas kaj multe estimas. Li certe ploros, ploregos mian morton!

Sankta Petro severe tralegis sian grandegan libron . . ., tiun, en kiu ĉio estas skribita, kaj legante li elparolis kelkajn frazerojn pliĝustadire alarmajn:

— Duardelo Petro . . . multe sentema . . . ŝajne agema Katoliko . . . multnombraj kuraĝigantaj vortoj . . . sed neniel vera sindono . . . iomete avarulo . . . gloramo . . .

* * *

Ĉi tie la brovojn kuntiris sankta Petro:

— Grandegaj monpovoj . . .

Tiam sankta Petro rigardis rekte en la vizaĝon al tiu, kiu postulas la ĉielon:

— Kiom vi donis al katolikaj bonfaraj asocioj?

— Ha, bonula sankta Petro, mi monon donis al ĉiuj bonaj societoj.

— Kiom?

— Plimulte ol mi povus!

— Kiom . . .?? rediris la boatisto.

— Mi ne scias! . . . mi estas malkvietega! . . . Sed mi estis superŝutita de la katolikaj monpetoj, bonula sankta Petro . . . tute premita! Mi, la antaŭan tagon de mia gripatako, mi ricevis sept monpetojn! . . . ne unu malpli! mi unue donis al la preĝejo.

— Jes 100 frankojn.

— al la Internacio Katolika.

— 15 frankojn.

— Pardonu, sankta Petro . . . 20 frankojn, ĉi-tiun jaron! . . .

— Ne . . . la 5 lastoj frankoj devenis de alia persono.

— Ha, vere estas!

— Ĉi tie, ĉiam vere estas.

— Sed mi donis al ĉiuj katolikaj entreprenoj, al ĉiuj! al la Propaganda asocio de l'Kredo! . . . al la Katolika Universitato! . . . al la Kristana Sindikato! . . . mi donis al . . . Facile estas . . . mi ĉiam donis! . . .

Supre de siaj okulvitroj Sankta Petro rigardis lin rapidegparoli, kaj li subite lin haltigis:

— Ĉu vi scias, kiom sume vi donis ĉiujare?

— Mi neniam faris la kalkulon.

— Mi ĝin faris, mi . . .

— Grandan sumon, ĉu ne, sankta Petro?

— Ĉiujare vi donis sume 217 fr. 75.

— Ne pli?

— Ne unu centimon plie.

— Ŝajnis al mi, ke mi tiel pli donis . . .

— Ĉiam ŝajnis . . .

— Ĉu vi ne eraras?

— Ĉi tie oni neniam eraras . . . Nu vi devis doni almenaŭ dekoble.

— Sed sankta Petro . . . la multekosta vivpovo . . . tiel multekosta!

— Ĝi ne estis ĉiam multekosta. Plie ĝi ne embarasis vin tiel multe por la aliaj aferoj . . . Memoru vian lastan aŭtomobilon! . . .

— Ĉu vi scias, ke vi min timigas? . . .

— Estas kaŭzo por tio.

— Kio estas?

— Tio estas, ke vi tuj iros tutepagi vian ŝuldon per longtempa restado en pekpuriĝejo.

— Ha! sinjoro! . . . Sinjoro!

— Ne estas tiu, kiu diras: „Sinjoro! . . . Sinjoro! . . ."

Max Roub.

## Internacia poŝto.

**Al multaj:** La translokigo kaj instaligo en nova oficejo malhelpis nin, tuj respondi. De nun pliboniĝos la situacio. Vi povas komprenl, ke la preparo de la kongreso, la tutmonda korespondado, la redakcio kaj administracio de la K. M., la financigo de la tuta movado, la delikataj intertraktadoj kun altrangaj kaj ofte „pikaj" personoj absorbas la tutan forton. Pripensu, ke por la kongreso estas presataj kaj dissendotaj 20000 invitoj en 5 diversaj lingvoj! Plue la grandaj financaj zorgoj (ni neprebezonas 12000 sfr. pojare nur por Ika-movado, 3000 sfr. por K. M.), la kontrolo de la librotenado, la perfektigo kaj financiĝo de la eldonejo, la zorgo por traduko de taŭgaj verkoj, la traktadoj kun la presistejoj kaj mil aliaj aferoj . . . Kaj krom tio via multokupata ĉefsekretario estas ankaŭ estro de familio, pri kiu li nepre devas zorgi laŭdeve . . . Eble vi nun havas iom da pacienco!

**Sro M., Vieno:** La memstarigo de Ika kaj Ika-Eldonejo estis nepre necesa tasko. Ĉar laŭsperte ne estas eble nek rekomendinde, ke Ika kiel memstara organizo, kiu devas same servi al ĉiuj sen escepto estu tiom dependa de unu organizo, kiu cetere mem trovas rimarkindan kontraŭstaron kaj estas en stato de unua evoluiĝo. Do la paŝo farita laŭ nia konvinko estos bona ne nur por Ika sed ankaŭ por Blanka Kruco, kiu de nun povas tute kuncentrigi la fortojn por la misia laboro.

**P. W., Aŭstrio.** Malfeliĉe ni ne posedas sufiĉan sciigon oficialan pri la dirita kongreso. Nia propono plurfoje farita, ke dum la kongreso estu aranĝata pure katolika kunveno egale por ĉiuj katolikaj kongresistoj ne trovis respondon. Ni do ne povas doni fidindajn informojn, mem ne sciante detalajojn.

**H. F. Hung.** Bone! Daŭrigu verki! Mi komprenas vin: Taŭgajojn ni volonte publikigos en K. M. Prediku nur kuraĝe pri Jesuo. „Se tiuj ĉi silentus, la ŝtonoj predikus . . ." Preĝu ni daŭre, humile!

---

## Recenzejo.

### Internacia literaturo.

**Manuel International des Organisations Catholiques de abbé J. Monti, „Editions Spes", 17 rue Soufflot, Paris.**

Ĉi tiu libro, verkita de la plej meritinta direktoro de la „Internacia Oficejo de katolikaj organizoj" en Romo, dro Monti, kun antaŭparolo de senatano prof. Dr. A. Steger, estas vere salutinda. La libro (elironta ankaŭ en itala, germana kaj angla lingvoj) enhavas la adresojn kaj mallongajn raportojn pri grandega nombro de katolikaj unuiĝoj kaj organizoj de la tuta mondo.

Komprene ne estis eble en la unua eldono havi kompletan liston de ĉiuj. Sed la tie atingata rezulto estas vere admirinda kaj oni povas kore gratuli al la verkisto kiel al la eldonisto.

**La Correspondance Catholique franco-allemande, Triel-sur-Seine (A. Gravey, 30 rue des Grèneaux)**

Interesega korespondado inter la francaj kaj germanaj pacamikoj katolikaj. Sendube ĉi tiu opiniošanĝo helpos multe por reciproka interkompreniĝo. Ĉiuj germanaj amikoj, kiuj eleziras korespondadi kun franca, sin turnu al la supre dirita adreso.

### Esperanto-literaturo.

**Al eterna paco de Imanuel Kant, tradukis prof. Christaller, La Batalanto-Eldonejo, transsendita per Eldonejo Oskar Ziegler, Deisenhofen ĉe München, 2.00 o. m.**

En perfekta lingvo prof. Christaller tradukis ĉi tiun interesegan verketon de la granda filosofo Kant. Se ni ne povas aprobi ĉiujn teoriojn dé tiu sendube profunda pensulo, tamen ĉi tiu libreto meritas esti legata de ĉiu pacamiko. La tradukinto feliĉe sukcesis klare esprimi la iom komplikan lingvon de la originalo. La eksterajo de la verketo estas belega, laŭdinda.

**Albrecht Dürer, kun bibliografio, klarigoj kaj 28 bildoj de Hans Koch. Eldon. Oskar Ziegler, Deisenhofen ĉe München. 1.40 o. m.**

Laŭdinda ideo, reeldoni la eternajn verkojn de la granda pentristo en Esperanto. La bildoj, la papero estas perfektaj, la notoj sufiĉaj. Esperebie oni daŭrigos la eldonojn de grandartistaj verkoj laŭ tiu modelo.







## Naciaj abonejoj de K. M.

Por faciligi la abonpagon ni sciigas naciajn abonejojn. Abonintoj el nenomitaj ŝtatoj plej bone pagu per enskribita letero al K. M., Zŭg, Svislando.

### Abonejoj.

**Anglio:** Mr. J. E. Hookham, 45 Holmesdale Road, Hampton Wick, Middlesex.

**Aŭstralio:** Fino Maud Helm, 22 Falconer str., Fitzroy, Melbourne.

**Aŭstrio:** Oni pagu senpere per nia poŝtĉeko; elpetu poŝtpagilojn!

**Belgio:** Fino J. Assenmacher, 50 rue des Minières, Verviers.

**Brazilio kaj tuta Sudameriko:** Sro Conto Fernandez, 225 Larangeiras, Rio de Janeiro.

**Ĉeĥoslovakio:** Oni pagu senpere per niaj poŝtpagiloj aŭ per Sro Fr. Buhr, Praha-Brevnov 257.

**Francio:** Sro Pierre J. A. Muffang, 14 bis avenue Galois, Bourg-la-Reine, Seine (Compte de chèques postaux, Paris 22.482).

**Germanio:** Oni pagu per nia poŝtkonto 30.578, Breslaŭ (Kaspar Mayr, Graz).

**Hispanio:** Prof. Mariano Mojado, Abascal 13, Pral A, Madrid.

**Italio:** Prof. Modesto Carolfi, Cortemaggiore, Piacenza.

**Jugoslavio:** Pro Ambr. Benkoviĉ, Zagreb, poŝtfako 109.

**Litovujo:** Sro Maĉernis, Ukmergas plentas 45, Kaŭnas,

**Rumanio:** Esperanto-Centro Rumana, Alea Suter 19, Bucuresti.

**Usono:** Sro F. J. Kovarik, 2502 SO., Kedzie Av. Chicago, Hl.

---

| Lando | Jarabono kun R. K. | Ika-kotizo sen K. M. | Ika-kotizo kun K. M. |
|---|---|---|---|
| Anglio . . . . | } 3 šl. | 2 šl. | 4 šl. |
| Aŭstralio . . . | | | |
| Argentino . . | 2 pes. or. | 2 pes. or. | 3 pes. or. |
| Aŭstrio . . . . | 16.000 kr. | 16.000 kr. | 28.000 kr. |
| Belgio . . . . | } 8 b. fr. | 5 b. fr. | 10 b. fr. |
| Luksemburgo . | | | |
| Brazilio . . . | 3 mr. | 2 mr. | 4 mr. |
| Ĉeĥoslovakio . | 12 ĉ. kr. | 10 ĉ. kr. | 16 ĉ. kr. |
| Danio . . . . | 3 kr. | 2 kr. | 4 kr. |
| Francio . . . | 6 fr. fr. | 5 fr. fr. | 10 fr. fr. |
| Germanio . . | 1·20 o. m. | 1·20 o. m. | 2 o. m. |
| Hispanio . . . | 3 pes. | 3 pes. | 5 pes. |
| Hungario . . . | 1·20 o. kr. | 1·20 o. kr. | 2 o. kr. |
| Italio . . . . . | 6 l. | 6 l. | 10. l. |
| Jugoslavio . . | 25 din. | 20 din. | 36 din. |
| Litovio . . . . | 4 lid. | 4 lid. | 6 lid. |
| Nederlando . . | 1·50 fl. | 1·50 fl. | 2 fl. |
| Polio . . . . . | 1·20 zl. | 1·20 zl. | 2 zl. |
| Rumanio . . . | 40 lev. | 30 lev. | 50 lev. |
| Svisio . . . . | 3 fr. | 2 fr. | 4 fr. |
| Usono . . . . | —·75 d | —·50 d | 1 d. |

**Rimarko.** En landoj, kie ne ekzistas ankoraŭ nova ora monbileto (Hungario, Polio ktp.) oni sendu monbiletojn kurantajn laŭ la taga kurzo. Por landoj, kies monvaloroj malplialtiĝos, ni devas plialtigi pli poste la prezojn.



Posedanto kaj Eldonisto: „Ika", Zug, Svisio. — Responda Redaktoro: K. Mayr, Zug, Svisio. — Presejo: Paŭlus-Presistejo, Graz, Karmeliterplatz 5.